10-a jaro. — N-ro 9-10 (115-116) Sept.-Okt. 1924.

# Belga Esperantisto

MONATA REVUO

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Direktoro :
FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11
ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al :
H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.



JARA ABONPREZO : FR. 10.—

ANTVERPENO
1924

10a JARO. N-ro 9 10 (115-116) SEPT.-OKT. 1924

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

| Redakcia parto | Abonoj kaj Monsendoj |
|---|---|
| FRANS SCHOOFS | FERN. MATHIEUX |
| 11, Kleine Hondstraat, Antwerpen | 15, Avenue Bel-Air, Uccle |
| Telefono 543.74 | Postĉeko No 399.84. |

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## La Gazeto promesas

....kaj la presisto decidas! Malgraŭ ĉiuj niaj klopodoj kaj bona volo ni ne sukcesis rekapti la tempon perditan dum la unua duono de la jaro.

La sekvoj de la striko en la presejo estis tiel malfavoraj al la progresigo de la laboroj, precipe por ni, ĉar ni devis rekomenci kun tute novaj linotipistoj, denove alkutimiĝontaj al la preslaboro en Esperanto, ke ne estis eble ke ni plenumu nian programon, skizitan en numero de Marto-Aprilo 1924.

La aranĝoj nun trafitaj kun la presejo estas tiaj, ke la lasta kajero de la nuna jarkolekto aperos je la komenco de Januaro.

En 1925 ni entute plenumos nian programon. Ĉiumonata aperado, komence je la fino de ĉiu monato, kaj iom post iom ni atingos eliron je la 15a.

Niaj abonantoj sendube konstatis, ke niaj lastaj kajeroj prezentis pli bonan enhavon ol la unuaj. Ni disponas nun pri la necesaj rimedoj por daŭrigi tiun plibonigadon, kaj ni estas konvinkitaj ke dum la proksima jaro ni povos plene kontentigi la plej malfacile kontentigeblajn el niaj abonantoj.

B. E.

---

### NIA PROKSIMA UNIVERSALA KONGRESO.

Ni ĝojas sciigi ke, kontraŭe al tio kion oni povus timi post kelkaj opinioj esprimitaj dum la lasta Kongreso en Vieno, la Esperantistoj preskaŭ ĉie montris sian emon daŭrigi la kutimon ĉiujare organizi sian mondfeston.

Dum sia jarkunveno en Biel ,la 28an de Septembro 1924 la Svisa Esperanta Societo decidis inviti la XVIIan Universalan Kongreson al Genève, 3an de Aŭgusto 1925.

Niaj svisaj amikoj tuj komencis la laboron kaj jam en nia proksima numero ni povos doni multajn informojn pri la organizo de nia proksimjara kongreso.

# Radiofonio

Nova Sukceso

La ĉiujara kunveno de la direktoroj de **American Radio Relay League decidis oficiale rekomendi Esperanton kiel la internacian lingvon adoptotan de la Internacia Amatora Radio-Unio.**

La provizora komitato de tiu Unio, kiu konsistas el naciaj radio societoj en diversaj landoj, decidis aranĝi sian unuan Internacian Konferencon en Parizo dum Pasko 1925, kiam unu el la gravaj temoj diskutotaj estos tiu de internacia lingvo.

Verŝajne la « Internacia Radio Asocio » samtempe havos en Parizo sian unuan konferencon, por montri ke Esperanto estas plene taŭga kiel la internacia lingvo. Multaj Esperantistoj devus do partopreni. Kiu intencas iri skribu kiel eble plej baldaŭ al S-ro H. A. Epton, Sekretario de I. R. A., 17, Chatsworth Road, London E, 5, Anglujo.

---

# Esperanto en Ligo de Nacioj

NOVA PAŜO ANTAŬEN.

Dum la 5a ĝenerala kunsido de la L. d. N. Esperanto denove estis diskutata kaj ĝi refoje venkis.

En la dua komisiono la delegito persa, subtenata de siaj kolegoj aŭstralia, ĉina, japana kaj nederlanda prezentis rezolucion, kiu celis akceptigi Esperanton kiel « klara » lingvo en telegrafaj kaj radiotelegrafaj servoj. — Post longa kaj iom pasia diskutado, dum kiu aperis du tri klopodoj por forŝovi aŭ por kripligi la prezentitan tekston, akceptita estis la rezolucio de la komisiono dua per 14 voĉoj kontraŭ 9. La favoraj voĉdonoj venis de la delegitoj austria, aŭstralia, bulgara, ĉehoslovaka, ĉina, finnlanda, hungara, itala, japana, nederlanda, norvega, novzelanda, persa kaj rumana.

Kaj la 20an de septembro la ĝenerala kunveno de la L. de N. akceptis **unuanime** la rezolucion kiu tekstas :

**« La ĝenerala kunsido de la Ligo de Nacioj rekomendas, ke la » ŝtatoj, membroj de la Ligo, konsentu al Esperanto la traktadon kaj » tarifon de lingvo « klara » en telegrafaj kaj radio-telegrafaj interri- » latoj, kiel praktika helpa lingvo de la internaciaj interkomunikoj » flanke de la naciaj lingvoj uzataj, kaj atentigas je tiu celo la orga- » nizon pri komunikado kaj transito. »**

La signifo de tiu rezolucio estas, ke nia lingvo ne estu plu konsiderata kiel « kodo » aŭ cifera lingvo, sed kiel ordinara « klara » lingvo, kaj ke sekve telegramoj en Esperanto redaktataj ne plu pagu la pli altan tarifon de « ciferlingvaj » telegramoj. Oni scias ja ke vortoj en

klara lingvo povas enhavi ĝis 15 literoj antaŭ ol estas aplikata la prezo de dua vorto, dum en « kodo » tiu maksimumo estas nur 10 literoj.

De nun nia lingvo estas do rekonata homa lingvo flanke de la naciaj lingvoj, kaj ĝi akiris do oficialan statutecon.

Estos nun la devo de niaj naciaj asocioj, uzi la suprecititan rezolucion por entrepreni agadon ĉe siaj registaroj por ke ĉi tiuj plenumu la deziron esprimitan de la Ligo de Nacioj.

# Du novaj asocioj Internaciaj

## STARIGITAJ KAJ FUNKCIANTAJ PER ESPERANTO

### RAPORTO DE S-ro C. COGEN

Kvankam la Esperantaj kongresoj estas plivole kunvenoj plezurigaj ol laborigaj, ili tamen donas la okazon por altiri la atenton de la kongresanoj pri iaj demandoj, ĉu koncerne la propagandon mem de nia lingvo, ĉu koncerne ian aŭ alian demandon sciencan aŭ alinaturan en rilato kun la L. I. Kaj mi petas la permeson atentigi la ŝatatan geaŭdantaron dum kelkaj minutoj pri la kreo de du novaj asocioj, kiuj prenas Esperanton kiel ĝeneralan interkomprenilon kaj kies sukceson la iniciatintoj esperas akiri nur per la helpo de ĉiuj interesiĝantoj. Jen kelkaj sciigoj pri ambaŭ :

La unua estas la Internacia Asocio de la Esperantistoj Stenografiistoj. Kreita dum la jaro 1923a de S-ro P. Flageul, ĝi estas oficiale starigita la 9an de Septembro 1923a en la Pariza Centra Oficejo. Ĝi jam kalkulas tridekon da gemembroj el diversaj landoj kaj ĉi-tiuj elektis la komitaton, la 9an de Marto 1924a, kaj tiu lasta, la estraron, la saman tagon. Jen ilia ambaŭa konsisto: Prezidanto: S-ro Flageul; vic-prezidantoj: S-roj Warden (Anglujo), Chrapusta (Polujo) kaj via servanto (Belgujo) ; ĝenerala sekretario : S-ro J. Marchand ; helpsekretarioj : S-roj Bengough, Polacek kaj Leffler; kasisto: S-ro Lefèbre, arhivisto- bibliotekisto kaj ĉefredaktoro de « Internacia stenografiisto », S-ro Demarcy; geadministrantoj: F-inoj Bonnet kaj. Eug. Colyn, S-roj Bredall, Omelsky kaj Popov, tio estas entute 15 personoj, laŭ la postulo de la statutoj. La celo de la Asocio, klarigita en § 2a de la statutoj, estas tre larĝa en la kampo de Esperanto kaj de stenografio; ĝi povas resumiĝi jene: «interhelpo de ambaŭ aferoj kaj interkonatigo de ili je propaganda, scienca kaj eĉ profesia vidpunkto.»

De julio 1923a la Asocio (de jam antaŭ ĝia oficiala starigo) publikigas ĉiudumonatan, tre interesan mimeografiitan jurnalon, la ĵus nomitan « Internacian Stenografiiston », haveblan nur per aliĝo al la societo. Ĝi enhavis jam tre legindajn artikolojn pri la stenografio, ekz. en la lasta, ĵus aperinta numero de junio estas legebla tre interesa kaj serioza studoo pri « stenografiaj elementoj en sanskrito », de Dr. Zla

tarski. Tiu sama numero enhavas bonan rebaton de nia Antverpena samideanino, f-ino Alice Van Ganse pri la uzo de la flandra stenografio en la belga Parlamento.

Jam de la unuaj monatoj de sia ekzisto la nova Asocio faris du agojn propagandajn citindajn: 1e per la plumo de S-ro Flageul ĝi rebatis eraron presitan en sen tio bonega artikolo favore je stenografio, aperinta en la numero de la 25e de Novembro 1923a de la Genta ĵurnalo La Flandre Libérale. La respondo, tre dokumentita de S-ro Flageul estas enpresita entute en la numero de l'sabato 15an de decembro de l'sama ĵurnalo, kun mencio, evidente, ke ĝi devenas de la Internacia Asocio de la Esperantistoj stenografiistoj.

2e la Asocio sukcesis presigi en la ĉiujara stenografia almanako eldonita jam de 23 jaroj, de S-ro Navarre, la liston de l'konataj Esperantistoj-stenografiistoj. Ni fieriĝu ĉar en tiu listo Belgujo liveris la plej grandan nombron da nomoj rilate al la ceteraj landoj, nomoj apartenantaj plej ofte al geesperantistoj el Gento aŭ ĉirkaŭlokoj.

Povas aliĝi personoj aŭ Societoj samtempe Esperantistaj kaj stenografiistaj kaj ili formas diversajn specojn de anoj: titolitaj, aliĝantaj, aniĝantaj societoj, bonfarintaj kaj honoraj membroj. La kotizaĵo estas kvin francaj frankoj ĉiujare por la titolitaj kaj aliĝantaj personoj, plus unu franko por unuafoja enskribo; kaj dek francaj frankoj ĉiujare por la societoj, do sumoj facile pageblaj eĉ de la plej malriĉaj borsoj!

Por aliĝi oni sin turnu al S-ro Flageul, 9, B-rd Voltaire, Issy (Seine) France ; aŭ al Sro J. Marchand, ĝenerala sekretario, 49, Avenue de Verdun, Issy (Seine) France; aŭ al S-ro Lefèbre, kasisto, 23, Rue Stephenson, Paris (18e), aŭ, dum la nuna kongreso, ankaŭ al via servanto. Ĝia titolo sufiĉe karakterizas ĝian celon, kaj mia paroladeto

* * *

La alia nova grupiĝo estas la Internacia Asocio por la propagando de la Aŭtonoma Muziknotado, iniciatita antaŭ kelkaj monatoj de via servanto. Ĝia titolo sufiĉe karakterizas ĝian celon, kaj mia paroladeto pri la Aŭtonoma Muziknotado dum la pasintjara kongreso en Namur samekiel mia artikolo aperinta en Belga Esperantisto kaj aparte eldonita broŝurforme kaj titolita «La demando pri la plibonigo de la muzikskribo kaj ĝia solvo per la Aŭtonoma Muziknotada» konigis al la Esperantistoj la naturon de tiu afero. La resuma afiŝo elpendigita ĉi-tie ankaŭ montras ĝin.

La nova Asocio, apenaŭ starigita, havas jam reprezentantojn en Holando, Bulgarujo, Japanujo, Ĉilio. La Fundamenta Regularo, kiel eble plej mallonga kaj simpla, montras la ankaŭ tre simplan kaj laŭ mia opinio tre praktikan organizon de la Asocio.

Povas membriĝi kiuj ajn personoj aŭ Societoj kiu aprobas la A. M. N. Kotizaĵo : ĉiujare kvin frankoj por izolaj personoj, dek frankoj por Societoj: do ankaŭ ne ruinigaj sumoj ! Organo de la Asocio estas «Belga Esperantisto» ĝis kiam ĝi estos sufiĉe multmembra kaj... riĉa por havi apartan ĵurnalon.

Ĉiuj personoj dezirantaj aliĝi sin turnu al mi dum la kongreso, aŭ poste skribu al mia adreso: 52, Dreef, Ninove.

Karaj geamikoj: per via aliĝo al ambaŭ Asocioj vi helpu pruvi la praktikan utilecon de nia lingvo!

L. G.

# Oficialigo de Esperanto en la Internacia Rilato de la Posto kaj Telegrafo

Kiel vi jam scias, la XVa unuanime akceptis en Nürnberg rezolucion pri petskribo al la Internacia Poŝta kaj al la Telegrafa Unuiĝo permesi la uzadon de Esperanto kiel neŭtrala internacia lingvo en la interrilatoj administraciaj de la Poŝto kaj de la Telegrafo kaj kiel « klara » telegramlingvo, proponita de la Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝt-kaj Telegraf-Oficistoj (ILEPTO). Laŭ interkonsento kun la estraro de la koncernaj internaciaj oficoj ambaŭ peticioj devas esti akompanotaj de multaj ĉiulandaj kaj bonaj subskriboj de Esperantistoj kaj Esperantemaj personoj, firmoj, societoj, administracioj kaj geoficistoj ĉiuspecaj kiel firma subtenadesprimo. Ni presigis 2000 listoparojn po 50 subskriblinioj kaj forsendis ilin al la Esperanto-redakcioj, — societoj kaj U. E. A. - delegitoj de ĉiu urbo de la tuta mondo por subskribigo kaj kolektado de subskriboj kiel eble plej multnombraj kun klariganta cirkulero. Sed ĝis fine de Februaro 1924, ni bedaŭrege ricevis nur 260 listoparojn kun entute ĉirkaŭ 13,000 duoblajn subskribojn aŭ ŝtampojn (samaj por poŝto kiel por telegrafo) el 18 landoj. Ŝajnas ke multaj samideanoj kaj delegitoj tute ne komprenas la gravecon de tiu-ĉi oficialiĝo de Esperanto, ne okupiĝas pri tiu vere propagandiga subskribigo, estante tute indiferentaj, aŭ eĉ ne subskribis mem kaj ne resendas al ni almenaŭ la nur parte plenigitajn aŭ malplenajn listojn. Tamen por nur parte sukcesigi niajn peticiojn kaj savi Esperanton de la ĉiama mondlingva ĥaoso kaj necerteco ni bezonas almenaŭ 20,000 duoblajn subskribojn aŭ ŝtampojn.

La 4an de Junio 1924 malfermiĝos en Stockholm la 8a Internacia Kongreso de la Poŝta Unuiĝo kaj pli poste ie tiu de la Telegrafo. Tiuj-ĉi kongresoj okazas nur tre malofte kaj ni devus konvinki ilin nun pri la granda disvastiĝo, utileco kaj internacieco de Esperanto. Dum la monato de marto ni adresos al ĉiuj registaroj kaj poŝtministerioj presitan Esperanto tekstan peticion petante ilin studi la aferon kaj interesigi iliajn kongresdelegitojn. Kopiojn ni sendos al ĉiulandaj fervoraj delegitoj de U. E. A. kaj de ILEPTO kun la peto sendi ilin antaŭ al iliaj registaroj aŭ poŝtministerioj kun la nacilingva traduko, propran

rekomendleteron, iu bona prapaganda broŝuro aŭ jurnalo. Fine de aprilo ni adresos nian ĉefpeticion al la Poŝta kaj al la Telegrafa Unuiĝoj kunmetante la subskriblistojn, statistikon kaj bonajn propagandilojn. Samtempe ni petas ĉiun fervoran samideanon, delegiton, societon aŭ grupon adresi de si mem leteron aŭ poŝtkarton en Esperanto al la Internacia Posta Unuiĝo aŭ Telegrafa Unuiĝo en Bern (Svislando), aŭ al sia registaro aŭ poŝta ministerio, rekomendante Esperanton kiel internacian lingvon administracian.

Kun kora antaŭdanko kaj Samideanaj salutoj : Nome de la Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝt-kaj Telegraf-Oficistoj, la komisiita vicprezidanto.

D-ro Ed. Spielman, Del. de U. E. A., P. K. 174, Bern (Svislando).

---

# Belga Kroniko

ANTVERPENO :

« LA VERDA STELO ». — SEPTEMBRO finiĝis la kursoj porjunulaj komencintaj en aprilo, sub la gvidado de S-roj. Karnas kaj Boeren.

Je la fino de la monato la grupo faris gravan propagandon por la novaj vintraj kursoj, per cirkuleroj kaj afiŝoj.

OKTOBRO : Dum la monato oktobro malfermiĝis la vintraj kursoj de la grupo. Ilin gvidas S-roj Schoofs, Boeren (2 kursojn), De Ketelaere, Broeckhove. Ili havas entute ĉirkaŭ 110 gelernantojn.

La 30an S-ro. Schoofs komencis perfektigan kurson kun 22 gelernantoj.

Dum la ĉiusabataj kunsidoj oni nun regule vigle diskutas pri iu aŭ alia temo proponita de unu el la anoj.

OFILIALAJ KURSOJ. — Malfermiĝis du kursoj de Esperanto inter la profesiaj vesperkursoj organizitaj de la urbestraro. Speciala propaganda komitato, konsistanta el grupoj « Suda Lumo », « Antv. Grupo de Esper. Diamantistoj », « Verda Lumo » sekcio de la Ĝeneralaj Fakligoj, kaj « Nia Ideo » socialista grupo, energie propagandis por tiuj kursoj per disdonado de miloj da cirkuleretoj, per gluado de belaspekta afiŝo sur la fasado de ĉiu lernejo kaj per aranĝo de ekspozicio de Esperantaĵoj en la montra fenestrego de la Oficiala Informoficejo lokita sur la ĉefa strato Meir. La oficialaj kursoj okazas nun en la komunumaj lernejoj No. 15 kaj 23, gvidataj de pagataj urbaj instruistoj. Ĉeestas la kursojn 27 kaj 15 lernantoj. La instruistoj nomitaj de la urbestraro estas S roj Juul Karnas kaj Vereeck.

« FLANDREMA GRUPO ESPERANTISTA » organizis intiman koncerton en salono « El Bardo » la 4an de Oktobro. La anoj de la grupo prezentis bone elektitajn muzikaĵojn kaj deklamaĵojn.Ni citu la kunlabo-

rantojn : F-noj De Wieuw, kantistino ; Bastenie, pianisto ; Vervloet, Martha, deklamistino (kaj sekretariino de la Grupo) ; S-roj H. Vermuyten, deklamisto ; Van Kerckhove, violonisto ; De Plooy, kantisto, kaj Juul Karnas, spritaĵisto. Post la koncerto : neevitebla.... gaja balo.

Post propaganda parolado, la 10an de Oktobro, de nia pioniro S-ro Oscar Van Schoor komenciĝis kurso la 15an de Oktobro. Ĝin sekvas 30 lernantoj sub gvidado de nia juna kaj tre fervora samideano S-ro Jan Van Schoor, prezidanto de la grupo.

GENTO : « La Progreso ». Nova kurso komenciĝis dum oktobro kun dudeko da gelernantoj. S-ro. L. Cogen, prezidanto de la grupo faris la malferman paroladon.

MEĤLENO. La 15an de aŭgusto la tiea grupo ricevis la viziton de la « Liera Stelo » el Liero, kaj kune vizitis la lagon de Hofstade.

La 6an de oktobro malfermiĝis nova kurso post parolado de S-ro. Schoofs. Dekunu gelernantoj ĉeestis la unuan lecionon.

## MONKOLEKTO POR « ESPERANTA LIGILO »

**(Revuo en Esperanto por la Blinduloj)**

DEKKVARA LISTO :

| | | |
|---|---|---|
| Plia profito de la lotumado dum la XIIIa Belga Kongreso | Fr. | 10.00 |
| Meĥlena Grupo Esperantista | » | 9.35 |
| | Fr. | 19.35 |
| Antaŭaj | » | 823.74 |
| Sumo : | Fr. | 843.09 |

Donacojn sendu al Fr. Schoofs. Poŝtĉeko 284.20, Antverpeno.

## BELGA GAZETARO.

ANTVERPENO. — Ĉiuj gazetoj de la urbo regule publikigis la komunikaĵojn por la malfermo de kvar kursoj organizitaj de la grupo « Verda Stelo », kaj de du kursoj por plenaĝuloj organizitaj de la urba administracio.

« Concordia » (Aŭg.) : eldonas tradukon de 3 leteroj pri la oficistaj vivkondiĉoj en Britujo, Ruslando kaj Latvujo, kiujn ricevis la Esperantista studorondo de la Sindikato pri Komerco kaj Industrio de Antverpeno.

« De Diamantbewerker » (30-8) : artikolo pri la 16a Universala kongreso, precipe pri la kunvenoj de la Esperantistaj laboristoj dum tiu kongreso ; (13-9) : informo pri ekspozicio de Esperantaĵoj en la montra fenestro de la urba informejo.

« De Schelde » (25-8) : sciigo pri starigo en Moskvo de Internacio de kolektistoj, kiu celas i. a. rilatojn inter la kolektistoj en la tuta mondo, pere de Esperanto ; decido de la « American Radio Relay League » pri oficialigo de Esperanto por Radiofonaj celoj.

BRUĜO. — « Brugsch Handelsblad » (18-10) : noto pri « B. E. » enhavanta raporton pri la Belga Kongreso en Bruĝo.

« Journal de Bruges » (10-8) : opinio pri la valoro de Esperanto de la estinta itala ministrara prezidanto Nitti ; (14-8) : opinio de Romain Rolland ; )17-8) : opinio pri la sama temo de Profesoro Saroléa el la Universitato de Edimburgo ; (21-9) : informo pri la decido de « American Radio R. L. » ; (25-9) : pri la deziresprimo de Ligo de Nacioj pri akcepto de Esperanto kiel klara lingvo.

BRUSELO. — « Laatste Nieuws » (14-9) : pesimista artikoleto pri la sukces-ebleco de Esperanto. « Nobla, bela revo, ĝi diras, sed la homaro ne estas ankoraŭ sufiĉe matura por ĝi. »

« De Standaard » (24-9) : pri Esperanto kiel klara telegrafa lingvo ; (15-10) : opinio pri Esperanto de Kardinalo Piffl, dirita de tiu prelato dum la faka kunsido de la katolikoj en Vieno.

GENTO. — « Gazette van Gent » (29-8) ; 12, 19, 26-9 ; 24-10) : daŭrigo de la traduko de la frazaro de Turing-Klubo de Belgujo ; (5, 9, 26-9: sepa, oka kaj naŭa lecionoj de Esperanta kurso.

« La Flandre Libérale » (5-9) : okaze de ampleksa artikolo pri la Baltaj Ŝtatoj, la gazeto publikigas tradukon de samtema kroniko aperinta en la gazeto « Esperanto » de U.E.A. ; (14-9) : bona propaganda artikolo kun anonco de kurso en Grupo « Progreso » ; (17-9) : pri aplikado de Esperanto en Radiosfero ; (18-9) : pri la rekomendo de « Am. Radio R. L. » (26 9) : pri Esp. kiel klara telegrafa lingvo.

DIEGE. — «Journal de Liége» (23-9): pri E. kiel klara telegrafa lingvo.

MEHLENO. — « Gazet van Mechelen » (15-9) : anonco pri Radioparolo pri la Komerca Foiro en Praha; (29-9, 4, 13 10): pri la movado en Mehleno kaj pri la kurso organizita de la tiea grupo.

« Journal de Malines » (21-9) : pri American Radio R. L. ; pri parolo el la Radiofona stacio de Praha ; fine : anonco pri ekzisto de nia Internacia Esperantista Radio Asocio ; (5-10: sciigo pri la kurso en Mehleno; informo pri decido de Ligo de Nacioj pri uzo de Esperanto en la telegrafaj rilatoj.

Notinde estas la cito de la grupa kurso en la broŝuro eldonita de la Urbo pri ĉiuspecaj organizaĵoj instruadaj.

VERVIERS. — « Le Jour » kaj « Le Travail » (27, 28-10) : enhavas tre ampleksan raporton pri la disdonado de la premioj al la sukcesintaj gelernantoj de la porinfanaj kursoj.

* * *

« Radio-Belge » (25-9) : sciigo pri la decido de « American Radio Relay League » kaj pri la parolado el la stacio de Praha pri la tiea komerca Foiro.

La 30an de Oktobro tiu semajna gazeto publikigis artikolon pri la

« Progresoj de la T. S. F. », kaj traktante la ĝisnunajn rezultatojn kaj ĉion, kion rezervas la aplikado de tiu nova scienco, ĝi ankaŭ atentigas pri la bonfara rolo de internacia lingvo. Jen traduko de la tiurilata parto de la artikolo :

« Por tiu universala entrepreno, la neceseco de internacia lingvo » sin montras ĉiam pli elokvente.

» Estas klare, ke internacia interkonsentita lingvo sin trudas en » radiotelefonio, kiel sin trudis la alfabeto Morse en radiotelegrafio. » Tiu lingvo estos tre verŝajne unu el la jam ekzistantaj, kiuj plenumas » tre bone la postulojn pri klareco : Esperanto aŭ Ido, ne gravas. Kio » meritas konsideradon, estas la utiligo de la jam atingitaj rezultatoj, » kaj la helpo al la propagando de jam disvastigita lingvo, kiu, metita » je la dispono de ĉiuj popoloj, povus post kelkaj monatoj fari el ĉiuj » kleraj individuoj unusolan popolon sur la terglobo, parolantan kaj » skribantan unu saman lingvon.

» Sen iu dubo, tio estus nova klareco disvastigita sur la tuta mondo » kaj por disradii tiun lumon, la T.S.F. iĝus la plej potenca lumturo.

» Provoj jam okazis en tiu direkto ; ili konfirmis denove la esperon, » kiun oni povas atendi de la granda amatoraro de T. S. F. Ĉar estas » sendube de ili, ke oni povas esperi tiun iniciat-kapablon, multe pli ol » de la sciencularo, el kiu kelkaj, pro ŝtoniĝo en siaj teorioj, izolas sin » en la dogmaro ; estas malfacile, kompreneble, forlasi doktrinojn » grandpene kreitajn de la scienculoj.

» En la mondo de la amatoroj, animita de juna kaj arda vivo, neniu » antaŭjuĝo kontraŭstaros la ideon novan kaj fruktodonan, la elpenson » riĉan je estonteco. »

---

GRATULOJ.

Geedziĝis la 27an de Septembro niaj gesamideanoj S-ro KAREL DE CEUKELEER kaj F-ino JEANNE D'ARDENNE, el Antverpeno. Ni sincere gratulas kaj bondeziras !

---

NEKROLOGO.

Plej terura sortobato frapis unu el niaj plej agemaj amikoj. Mortis la 3an de Oktobro en Verviers S-ino JOSEPH PIRNAY-DEMEZ, edzino de la prezidanto de la Esperantista Grupo de Verviers. Ŝi estis nur 44 jara. — Ni prezentas ĉi tie al nia kunlaboranto Joseph Pirnay kaj al liaj du infanoj nian plej sinceran kondolencesprimon kaj la certigon de nia plej profunda simpatio.

# Impresoj aŭtunaj

Septembro forĉasis la lastajn febrojn aŭgustajn. Lacigita pro la varmegoj someraj, Naturo nun ŝajnas ripozi sub la milda varmeteco aŭtuna. — Kio pli agrabla, por kiu amas kaj komprenas la vivon de l'Naturo, ol vagi, revante, en la mire bela kamparo?

La kverko, fortika giganto arbara, fiere starigas, al la blua ĉielo. sian foliaron bronzokoloran; tiu-ĉi, kiam la vento blovetas, skuata estas kaj sin miksas kun la arĝentaj folioj de l'tremolo kaj la verdaĵo samaspekta de l'lariko.

Sola, maljuna betulo forskuas malĝoje sian grizan kapon, meze de tiu arego da folioj; tiuj-ĉi konfuzege sin intermiksas, de l'purpuro makuloj senlumaj sur tiuj koloroj brilegaj kaj diversaj. Sur la fundo de l'pejzaĝo, tiel ĉarmega kaj pentrinda, la ilekso faras kiel verdan kusenon, ornamitan per koralaj beroj. Ĉe arbara vojturno, staras majeste, sur trunko elegante longkreska, grandega kaŝtanarbo, kies flaviĝintaj, krispiĝintaj folioj kovras la teron; baldaŭ ili faros kune kun la ruĝaj folioj de l'ampelopso kaj la flavruĝaj de l'tilio, tapiŝon multkoloran kiu kraketados sub niaj paŝoj. Kaj tie, en la fruktoĝardeno, la freŝaj vangoj de la pomoj ŝajnas rideti al ni, en l'ora lumo de l'vesperiĝo. Sed bedaŭrinde, post kelkaj semajnoj, la plej bela sezono fariĝos baldaŭ la malĝoja tempo de l'tagoj nebulaj, sensunaj: sub ĉielo griza, pene detenanta larmojn, Naturo ŝajnos sin pretigi por la vintra dormo.

Malfacile disfaldiĝos la floroj aŭtunaj, la lastaj kiujn kisetos la sunaj radioj: sangruĝaj dalioj kaj krispaj krizantemoj; multaj el ili eble nur en tombejo disvolviĝos; ili ne estos, kiel la aliaj, signoj de ĝojo, de espero; ......ne, nur malgajaj floroj funebraj, kies petalaron neniu plu vidos, ĉar la mortintoj eĉ ne konos nian pian intencon, kiam, per mano tremanta, ni la bukedon metos sur la grizan ŝtonon malvarman..........

PAULA DELTOMBE.

---

# El "Golestan,, (Florejo) de Saadi

RAKONTO.

Moiso (paco al li) vidis unu dervîŝon,kiu tute malgrasegiĝis de la malsato.

— « Ho Moiso! » diris dervîŝo « preĝu al Dio Plejalta, por ke Li donu al mi la nutraĵon, ĉar mi estas mortanta sen fortoj. »

Moiso preĝis por ke Dio Plejalta donu al dervîŝo la fortojn kaj Dio atentis la preĝon.

Post kelkaj tagoj Moiso ekvidis, ke oni ekkaptis dervîŝon kaj la homoj ĉirkaŭis lin.

— « Kio okazis al li ? » demandis Moiso.

— « Li ekdrinkis la vinon » oni respondis, « disputis kun iu kaj mortigis lin. Nun oni kondukas lin al ekzekuto je la rekompenco por la krimo. »

Kiam Dio kreis sep partojn de mondo, Li donis al ĉiu laŭ lia indo. Se la mizera kato havus la flugilojn, ĝi elkondukus el mondo la genton de pasero. Se la azeno havus du kornojn de bovo, li ne lasus alĉe si la homon.

Okazas ke malforta retrovas la forton en manoj kaj eltumas la manojn de malfortaj ».

Tiam Moiso (paco al li) ekkonis la saĝegecon de Mondkreinto, petegis pardonon por sia arogado kaj eklegis la verson el Korano.

« Se Dio komencus disdoni la donacojn, eklevigus la ribelo sur la tero ».

Se la malgrandulo ricevas honorojn, arĝenton kaj oron,
Survangon do petas, je vero, lia vizaĝo.
Jes, certe, ne saĝa parolis la lastan sentencon,
Sed estas belega, vi scias, formiko sen plumoj.

El persa lingvo tradukis. E. REBRIK.

---

# La bedaŭranta Edzo

Vi, fraŭloj feliĉaj, aŭskultu
konsilon de sperta vir' :
de ĉiu knabin' edziniĝi
la sola estas dezir'.
Evitu ŝiajn kaptilojn,
ne fidu pri iu virin' !
Mi, malfeliĉulo, edziĝis,
sed ve !.... mi bedaŭras ĝin !

Dum nia gefianĉiĝo
ŝi estis kvazaŭ anĝel' :
ha ! kiom da belaj promesoj !
ha ! kia estonta ĉiel' !
Sed iam edziniĝinta,
ŝi iĝis diktatorin' !
Mi, malfeliĉulo, edziĝis,
sed ve !.... mi bedaŭras ĝin !

Mi devas ordigi la hejmon
post mia ofica labor' ;
mi devas varti l'infanojn,
plorantaj ofte en hor' !
Kaj tio dum ŝi trankvile
klaĉadas kun najbarin' !
Mi. malfeliĉulo, edziĝis,
sed ve !...... mi bedaŭras ĝin !

Nur dum la ĉiusemajna
Esperantistara kunven',
ĉe glaso da bruna biero,
foriĝas mia ĉagren'.
Sed kiam mi hejmen revenas,
bastono atendas min !
Mi malfeliĉulo, edziĝis,
sed ve !..... mi bedaŭras ĝin !

Post tiu ĉi tera vivado,
— jen mia tutsola esper' ! —
mi iros al la ĉielo,
ŝi certe al la infer' !
Mi tiam feliĉa estos,
dum brulos la diablin' !
Mi, malfeliĉulo, edziĝis,
sed ve !.... mi bedaŭras ĝin !

JAN VAN SCHOOR.

# Kialo kaj kielo de mia Esperantisteco

(Fantazio).

La antikvaj Grekoj kredis al mistera sorto, la « Anankê », kiu regis Diojn kaj homojn. Estis la nedeturnebla sorto. — Mi ankaŭ estas anankê-ano....

Kiam en 1887 la mondo fariĝis la sola heredanto de S° Ludoviko, Lazaro Zamenhof el Varsovio, mi estis konvinkita (kvankam mi ne estas astrologo), ke mi estos Esperantisto dum mia vivo. Mi antaŭsentis mian sorton.

Kaj efektive 10 jarojn poste mi naskiĝis: mi, t. e. 1 plus 1, ĉar ni estis dunaskitoj, kvankam niaj gepatroj tute ne antaŭsentis tiun sorton. Ĉu ne estas tiel sentema, ĉu ne ?

Miaj unuaj vortoj estis parafrazo de la unua verso de la himno «La Espero:« En la mondon venis nova sento... « Efektive, laŭ la atestantoj, mi demandis tuj al mia « alter ego»: « Kara samideano, ĉu vi ne interŝanĝas poŝtmarkojn ? »

Daŭros denove 10 jaroj ĝis kiam mi ankoraŭ elparolos Esperantan frazon. Mi devas konfesi pro modesteco, ke mi naskiĝis dum pentekosta tago, kaj la biblia historio nin instruas, ke tiu tago estas speciale taŭga por lerni rapide fremdan lingvon. Kaj estas tute ne strange ke mi parolis Esperanton. Ĉu ni ne vivas en la 20a jarcento, la jarcento de la « margarino » kaj aliaj artefaritaj aĵoj ?

« Tra la mondo iras forta voko » diras la himno. Kaj vere, denove mi sekvis ĝin, kaj vokis forte. Kiel ĉiuj Esperantistoj (kiam ili estas armitaj per kantlibroj) mi posedis fortan voĉon. Mia patro povas atesti tion. Ĉar la sekvantaj himnaj versoj apartenas al li.

« Sur flugiloj de facila vento nun de loko flugu ĝi al loko » Kun gaje flirtantaj ĉemizaj flugiloj li flugis kun mi de unu loko ĝis l'alia de la dormoĉambro, kiam mi estis instruanta al li la Esperantan gramatikon. Ĉar mia fundamento (ankaŭ la Zamenhofa) havigis al ni ofte tre agrablan surprizon. Mi dubis nek pri substantivoj, nek pri adjektivoj, nek pri verboj : Dad-a, pip-i, dod-o. Tamen la aaaaaaa vortojn mi preferis.

Eĉ nun ankoraŭ substantivo sen difinanta vorto estas monujo sen monero ĉu ne ?

Do en tiaj Esperantemaj sentoj mi kreskis «Ĉar rapide kreskas la afero per laboro de la Esperantoj» kantas la himno.

Miaj lernejaj jaroj mi pasigis «sub la sankta signo de l'espero.... l'espero je la libertempoj......

Ĉiam Esperanto efike agis sur min.

« Kolektiĝas pacaj batalantoj » ! Jes, mi estis paca batalanto. Ĉiufoje kiam mi batalis por karoto, ĉerizkerno, turnludilo. k. t. p. mi pace ricevis la batojn kaj iufoje krome mi devis resti en la lernejo post le finhoro; mi rigardis la altajn murojn, kaj kun seka okulo, senkonscie mi diris : « Forte staras muroj de miljaroj »....

Post atendado de 2 horoj, la obstinaj baroj dissaltis, sed... ne ankoraŭ per « la sankta amo. ». La sankta amo.... vivas precipe inter

gesamideanoj, plibone geverdstelanoj...

Jam mia patrino ricevis la viziton de Sinjoro, kiu paroladis tiel longe kaj arte kaj torente, ke ŝi vidis pli ol mil verdajn-steletojn antaŭ l'okuloj. Ŝi pagis sumon kaj ricevis malkaran libreton kun bildetoj, kaj ŝi fariĝis samtempe abonantino de Esperanta gazeto.

« L'espero, l'obstino kaj la pacienco.... » murmuris la Esperanto-vojaĝanto, enpoŝiĝante la monon.

Ĝis nun mi ne ricevis numeron de tiu gazeto. Eble ĝi estas eldonita de la Esperantistaro sur planedo Marso kaj la forsendado prokrastiĝis pro la striko de la fervojistoj...

Restis al mi la bildotabuloj.... Mi benis kaj benas kaj benos ilin kiel mia unua Esperanta katekismo. Kun melankolio mi rememoras la esperantan vorton ; mi elparolis :

SENHA KULO — kaj de tiu momento mi estis la gloro de mia klaso, de tiu momento mia instruisto de banala « kletskop » fariĝis mistera « senha rulo ». Esperantista pionoro dirus : « Esperanto fosas sian sulkon ! Esperanto eniras la lernejojn ! La estonteco estas nia ! »

Poste mi aĉetis la dekcentiman gramatikon. Mi pristudis ĝin tiel longe, ke ĝi ne plu estis ekkonebla, sed mi konis parkere la sekvantajn vortojn :

citrono, matraco, teatro, lampo, glaso ;
laberdano, lama, nevo, nobla, nul ;
numero, somero, generalo, hordo, grado, gramo ;
kara samideano, bonan tagon, kiel vi fartas, patro kaj patrino.

Ne estas multe, vi diros. Atendu. La fato ne ekdormis. La Esperanta kerno pligrandiĝis en mia « MI MEM ». Ekstere oni povis rimarki la simptomon de verda koloro malantaŭ miaj oreloj. Interne je mia trankvileco kiam mi senvestis min en malhelo, mi konis la « vojon » (de nia majstro).... al mia lito ; kaj min ne timigis la noktaj fantomoj la batoj de l'sorto, la mokoj de l'homoj « La batoj de l'sorto ». La sorto, al mi estis favora... «La mokoj de l'homo»... Ho, miaj gesamideanoj, la Majstro diras tiel prave: « Eĉ guto malgranda frapante kostante» en nia gorĝo penas perdigi al ni nian ekvilibron; sed ĉiam nur «rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante mi iris....»

Dum la jaroj parto de la «sankta amo» alvenis pli kaj pli: la internaciaj sentoj. En mia naskiĝurbo mi ofte havis l'okazon vidi aliajn rasojn. Sur la birdfoiro mi vidis nigrulojn boksi kun la konata « Porcio da Supo » kaj mia koro malfermiĝis por tiuj homoj. Iam en la haveno mi ĉeestis interbatiĝo inter blankaj kaj flavuloj. La flavuloj forkuris kun bluaj okuloj...

« Morgaŭ », mi pensis, « morgaŭ, malriĉuloj, miaj fratoj, viaj okuloj iĝos verdaj. La verda Esperanta idealo forigu de vi viajn suferojn....

« La popoloj faros en konsento
« Unu grandan rondon familian. »

Per tiuj vortoj homamantaj mi finos por hodiaŭ. Alian tagon mi parolos al vi pri la rolo de nia kara, belsono lingvo en mia posta vivo : mia partopreno en la Esperanta movado, la Esperanta manĝado, la Esperantaj kursoj kaj ekskursoj, la esperantaj dancado, kantado kaj

deklamado — kaj fine pri mia Esperanta kariero, kiu havigis min, kiel vi scias, katedron en la Esperanta universitato de Patagonujo.

Mi intencis nur hodiaŭ montri al vi la misteran influon de Esperanto sur homa vivo. Mi estas dirinta. Profesoro MALIDO.

# Esperantista Akademio

**Baloto de unu Akademiano por la rusa lingvo (Posteno 11).**

Voĉdonintoj : 87 .

Voĉoj por S-ro MEDEM .. .. .. ... .. .. 46 **Elektita**

Voĉoj por S-ro FIŜER (FISHER) .. .. .. .. 40

Voĉdonilo sur kiu ambaŭ nomoj estis strekitaj ... 1

87

Du cirkuleroj, entenantaj voĉdonilojn, senditaj al la 2 jenaj L. K.-anoj : S-roj D-ro B. BRACZ (Matrai utca 9, Budapest — Hungarujo) kaj L. DREHER( ĉe S-ro Rapelski, Byalstok — Polujo), revenis kun la poŝta noto « Nekonata ». Tiuj ĉi L. K.-anoj estas petataj konigi al la Prezidanto sian nunan adreson.

La Akademio konsistas do nun el :

Prof. Th. CART, **Prezidanto** (Posteno 3); — S-roj L. M. WARDEN (P. 9) kaj D-ro DIETTERLE (P. 5), **Vic-Prezidantoj** ; — Prof. E. GROSJEAN MAUPIN, **Direktoro** de la Sekcio « Komuna Vortaro » (P. 5) ; — D-ro W. LIPPMANN, **Direktoro** de la Sekcio « Gramatiko » (P. 4) ; — D-ro E. PRIVAT, **Direktoro** de la Sekcio « Konkursoj kaj Premioj » (P. 2) ; — S-roj W. Bailey (P. 17), P. Christaller (P. 10), P. CORNET (P. 18), A. DOMBROWSKI (P. 16) ; V. INGLADA (P. 14), J. R. G. ISBRUCKER (P. 1), E. KUHNL (P. 8), P. LENGYEL (P. 13), P. MEDEM (P. 11), B. MIGLIORINI (P. 6), E. A. MILLIDGE (P. 12), P. NYLEN (P. 7).

La estraro estas elektita en la jaro 1923 kaj estas rebalotota en 1926.

**POSTENOJ REBALOTOTAJ :**

En 1925 : 7, 17, 1, 10, 6, 9 ; — en 1928 : 13, 15, 18, 8, 2, 3 ; — en 1931 : 5, 4, 14, 12, 16, 11

**AKADEMIAJ KORESPONDANTOJ :**

S-ro ROLLET DE L'ISLE (Scienca kaj Teknika Vortaro) ; S-ro SETALA (Finna Lingvo), S-ro M. SOLA (Kataluna) ; S-ro A. TELLINI. (Ladina) ; D-ro Leono ZAMENHOF (Pola) ; S-ro Everardo BACKHEUSER (Portugala Lingvo).

**S E K C I O J :**

**Komuna Vortaro :** Prof GROSJEAN-MAUPIN, **Direktoro :** S-roj BAILEY, MIGLORINI, MILLIDGE, NYLEN ; BUNEMANN, SOLA, membroj.

**Gramatiko :** D-ro LIPPMANN, **Direktoro ;** S-roj CHRISTALLER, CORRET, LENGYEL ; COLLIGSON, STOJAN, **membroj.**

**Konkursoj kaj Premioj :** D-ro PRIVAT, **Direktoro ;** S-roj ISBRUCKER, KUHNL ; S-ino HANKEL, S-roj de MENIL, STRŒLE, **membroj.**

# Diversaj informoj

Ni ricevis katalogon-prospekton de la firmo L. Scheerders-Van Kerckove, fabrikisto de konstrumaterialoj, en St. Niklaas (Waas). Tiu broŝuro enhavas la informon, ke « korespondado estas ebla en franca, angla, germana, Esperanta kaj itala lingvoj ». S-ro Scheerders, kiu estas granda favoranto de nia movado, donas imitindan ekzemplon.

El Rusĉuk (Bulgarujo) estas anoncita la ekapero de du novaj gazetoj en Esperanto :

« Reklamo », speciala komerca reklamoĵurnalo.

« Filatelisto », speciala filatelista reklamoĵurnalo.

Kiu deziras plian informon sin turnu al S-roj St. Uzunov kaj Vl. Georgiev, Str. Skobeleva, 38, Rusĉuk (Bulgarujo).

AL ĈIUTAGA GAZETO EN ESPERANTO? — La Esperanta ĉiusemajna gazeto « Esperanto Triumfonta » eldonata en Horrem-Köln (Germanujo) anoncas ke, de la 1a de Decembro ĝi aperos dufoje en ĉiu semajno. La prezo en Belgujo estos po Fr. 0,40. Oni abonas ĉe Fr. Schoofs, Poŝtĉeka No. 284.20, Antverpeno.

La 9an de Aŭgusto, en la sendstacio Praia Vermelha (S.P.E.), de la Nacia Telegrafo, S-ro. inĝ. Luiz Porto Carreiro Netto komencis ok-lecionan kurson de Esperanto, kiu estas bone akceptita de la radioamatoroj.

Kelkajn tagojn poste tiu sama stacio disradiis la esperantan kanton « En nia lando » kantitan de S-ro. d-ro. Luiz Lima Vianna.

La revuo « Radio », oficiala organo de la « Radio Societo de Rio de Janeiro », publikigis la tutan paroladon pri Esperanto faritan de D-ro. E. Backheuser je la 20a de Junio lasta.

La Unua Brazila Kongreso de Kontoscienco, okazinta en Rio de Janeiro dum la monato Aŭgusto, aprobis unuanime la jenan rezolucion prezentitan de D-ro. Carlos Domingues, prezidanto de Brazila Klubo « Esperanto » : « Devas esti enmetita en komercajn kursojn la instruado de la internacia lingvo Esperanto, kiel helpa mondlingvo », la sola efika solvo de la grava problemo de la internacia kompreno.

La raportinto estis D-ro. Figueira de Mello, vicdirektoro de Komerca Akademio en Rio de Janeiro.

La 2an de Aŭgusto fondiĝis en Rio de Janeiro grupo nomata « Brazila Esperantista Klubo de Medicino-Studentoj ».

# Spritaĵoj

TRE FLATANTA !

Pripensu nur ! Hieraŭ la direktoro diris ankoraŭ al mi ke mia lasta teatraĵo estus belega, se ĝi estus pli mallonga je unu akto.

AMIKO : Nu ! Estis eble unuakta teatraĵo ?

A. — Oni ĵus estas farinta novan eltrovon : ĉemizojn sen butonoj !

B. (edziĝinta de post tri jaroj). — Nenion alian ? Tiujn portas mi jam dum tri jaroj !

BONA ANTAŬVIDO.

« Ĉu ni estas solaj ? » demandis aktoro, malbone ludante, dum la tria akto de teatraĵo, kiu allogis nur malgrandan aŭdantaron. « Ne, amiko. » aŭdiĝis voĉo el la galerio, « sed je sekvanta reprezentado vi certe estos ! »

« Ĉu vi ankoraŭ ĉiam serĉas vian hundon ? »
« Jes, komprenéble ! »
« Sed kial vi ne enmetas anoncon en la ĵurnalojn ? »
« Tute sennecese, mia hundo tamen ne scias legi. »

* * *

EN LA LERNEJO.

INSTRUISTO : « Nu, Joĉjo, kiom estas kvin kaj unu ? »

Joĉjo silentas.

INSTRUISTO : « Supozu unufojon, Joĉjo, ke mi donas al vi kvin kuniklojn kaj poste ankoraŭ unu ; kiom da kunikloj havas vi tiam. »

JOĈJO : « Sep ! »

INSTRUISTO : « Sep ? Estas tamen nur ses ? »

JOĈJO : « Jes, Sinjoro, sed mi jam havas kuniklon, hejme ! »....

---

PREMIO AL NIAJ ABONANTOJ.

Kun ĉi tiu numero ni sendas senpage al ĉiuj abonantoj ekzempleron de la 56-paĝa broŝuro eldonita de la Itala Komerca Ĉambro por Svislando, enhavanta la franclingvan raporton pri la Venezia Konferenco internacia (1923). — Ni tre rekomendas uzon de tiu broŝuro por propagando inter ne-esperantistoj. — **Pliaj ekzempleroj de la raporto estas haveblaj de ni po Fr. 1.—.**

---

# La Kapricoj de Mariano

ALFRED DE MUSSET

(Daŭrigo)

OKTAVO. — Ĉu estas libro, kiun vi tenas ?

ĈELIO. — Jes, kaj kiun vi verŝajne ne legis.

OKTAVO. — Tre verŝajne. Kiam oni legas unu, ne estas kialo por ne legi ĉiujn aliajn.

ĈELIO, legante. — « Kiam la koro spertas sincere profundan amsenton, ĝi ankaŭ spertas kvazaŭ laciĝon kaj senenergion kiuj igas ĝin sopiri je la morto. Kial? Mi ne scias ».

OKTAVO. — Mi ankaŭ ne.

ĈELIO, legante. — « Eble estas la sekvo de la unua amo, eble estas, ke tiu vasta dezerto kie ni estas, timigas la rigardojn de tiu kiu amas, eble ĉi tiu tero ne plu ŝajnas surloĝebla al li, se li ne povas tie trovi tiun feliĉon, novan, nuran, senliman, kiun lia koro imagas al li ».

OKTAVO. — Se., diablo ! kontraŭ kiu vi koleras ?

ĈELIO, legante. — « La kamparano, la maldelikata laboristo, kiu nenion scias, la timema junulino, kiu kutime tremas je la nura penso al la morto, plikuraĝiĝas tiom, kiam ŝi amas, ke ŝi eĉ direktas rigardon al tombo. » Oktavo, la morto nin gvidas al Dio, kaj miaj genuoj fleksiĝas kiam mi pensas pri tio. Bonan vesperon, amiko mia.

OKTAVO. — Kien vi iras ?

ĈELIO. — Mi havas aferon en la urbo ĉi tiun vesperon, adiaŭ, faru kion vi volos.

OKTAVO. — Vi aspektas kvazaŭ vi irus dronigi vin. Sed tiu morto pri kiu vi parolas, ĉu vi hazarde timus ĝin?

ĈELIO. — Ho! se mi estus povinta famiĝi en turniroj kaj bataloj! se estus estinta permesate al mi porti la kolorojn de Mariano kaj tinkturi ilin per mia sango ! se oni estus doninta al mi rivalon por batali kontraŭ li, tutan armeon por batalinviti. ke la ofero de mia vivo estus estinta utila por ŝi! mi kapablas agi, sed mi tute ne scias paroli. Mia lango tute ne servas mian koron, kaj mi mortos ne kom preniginte min, kiel mutulo en malliberejo.

OKTAVO. — Nu, Ĉelio, pri kio vi pensas? Estas aliaj Marianoj sub la ĉielo ; vespermanĝu ni kune, kaj moku ni tiun Marianon.

ĈELIO. — Adiaŭ, adiaŭ, mi ne povas pli longe haltiĝi. Mi vidos vin morgaŭ, amiko mia.

TRIA SCENO.

OKTAVO, sola.

Ĉelio, aŭskultu do ! ni trovos por vi Marianon tre ĝentilan, dolĉan kiel ŝafido. — Vere, jen stranga afero ! Malgraŭ ĉio, mi ne cedos. Mi estas kiel viro kiu tenas la ludsumon de faraono por la konto de aliulo kaj kiu havas la bonŝancon kontraŭ si : li pli volonte dronigus sian plej bonan amikon ol cedi : kaj la kolero, pro la perdo per la mono de aliulo, lin centfoje pli ardigas ol lia propra ruino povus fari. — Ha ! jen Mariano, kiu eliras. Ŝi iras sendube al la posttagmeza diservo. Ŝi alproksimiĝas malrapide.

KVARA SCENO.

OKTAVO, MARIANO

OKTAVO. — Bela Mariano, vi dormos trankvile. La koro de Ĉelio apartenas al aliulino, kaj ne plu estas sub viaj fenestroj ke li donos siajn serenadojn.

MARIANO. — Kiom bedaŭrinde! kaj kiom malfeliĉe, ke mi ne povis partopreni en tia amo. Jen kiel la hazardo malhelpas min, min kiu estis ekamonta lin !

OKTAVO. — Ĉu vere ?

MARIANO. — Jes, je mia animo, ĉi tiun vesperon aŭ morgaŭ matene, dimanĉe plej malfrue, mi ĵuras al vi. Kiu ne sukcesus per ambasadoro kiel vi ? Kredeble lia pasio por mi estis io kvazaŭ hina aŭ araba, ĉar interpretisto estis necesa al ĝi, kaj ĝi ne povis klarigi sin tute sole.

OKTAVO. — Ŝercu, ŝercu! ni ne plu timas vin.

MARIANO. — Aŭ eble tiu amo estis ankoraŭ malfeliĉa suĉinfano, kaj vi, saĝa nutristino, tenante ĝin en vindoj, vi faligis ĝin, la kapon antaŭen, promenigante ĝin tra la urbo.

OKTAVO. — La saĝa nutristino nur trinkigis al li ian lakton kiun la via sendube enverŝis en vin, kaj abunde, vi havas ankoraŭ sur viaj lipoj guton da ĝi, kiu intermiksiĝas kun ĉiuj viaj paroloj.

MARIANO. — Kiel estas nomata tiu mirinda lakto?

OKTAVO. — La indiferenteco. — Vi kapablas nek ami nek malami, kaj vi estas kiel la rozoj en Bengalujo, Mariano, sen dornoj, kaj sen odoro.

MARIANO. — Bone dirite. Ĉu vi antaŭe pretigis tiun komparon ? Se vi ne forbruligos la malnetaĵon de viaj paroladoj, donu ĝin al mi, mi petegas, per ke mi lernigu ilin al mia papageto.

OKTAVO. — Kion vi trovas en ĝi, kio povas vin ofendi ? Floro sen parfumo ne estas pro tio malpli bela; tute kontraŭe, estas la plej belaj, kiujn Dio faris tiel; kaj ŝajnas al mi ke pro tio vi ne rajtas plendi.

MARIANO. — Mia kuzo, ĉu vi ne plendas la sorton de la virinoj ? Jen kio okazas al mi: la sorto dekretas ke Ĉelio amas min, aŭ kredas ami min, Ĉelio diras tion al siaj amikoj, kiuj dekretas siavice ke, je puno de morto, mi devas ami lin. La napola junularo bonvolas sendi al mi, per via persono, indan delegiton, komisiitan por sciigi al mi, ke mi devas ami tiun sinjoron Ĉelion antaŭ ok tagoj. Pripensu tion, mi petas vin. Ĉu ne estas tre malestiminda virino, kiu obeas kiel petite, je la fiksita horo, al tia propono ? Ĉu oni ne diros multajn malicaĵojn pri ŝi, ŝin montros per la fingro kaj faros per ŝia nomo la rekantaĵon de trinkkanto ? — Se ŝi rifuzas, kontraŭe, ĉu ekzistos monstro komparebla kun ŝi ? Ĉu estos statuo pli malvarma ol ŝi ? Kaj la viro, kiu parolas al ŝi, kiu kuraĝas haltigi ŝin sur publika placo, kun ŝia preĝlibro en la mano, ĉu li ne rajtas diri al ŝi : Vi estas rozo el Bengalujo sen dornoj kaj sen parfumo ?

OKTAVO. — Kuzino, kuzino, ne koleru.

MARIANO. — Ĉu ne estas io tre ridinda la honesteco kaj la ĵurita fideleco? La edukiteco de knabino, la fiereco de koro kiu imagis

al si ke ĝi valoras ion, kaj kiu, por meriti la respekton de la aliaj komencas per respekto al si mem? Ĉu ĉio tio ĉi ne estas sonĝo, sapveziko, kiu je la unua sopiro de laŭmoda kavaliro, devas disvaporiĝi en la aero?

OKTAVO. — Vi tute eraras pri miaj intencoj kaj tiuj de Ĉelio.

MARIANO. — Kio estas, ĉion konsiderante, virino? La okupo de unu momento, vana ombro kiun ami oni ŝajnigas, por ĝui la plezuron diri, ke oni amas. Virino! estas distrilo. Ĉu oni ne povus diri, kiam oni renkontas iun el ili: Jen bela kaprico kiu preterpasas. Kaj ĉu en tiaj aferoj ne estus naiva knabo, tiu kiu mallevus la okulojn antaŭ ŝi, kiu dirus mallaŭte: «Jen eble la feliĉo de tuta vivo», kaj kiu lasus preterpasi ŝin? (Ŝi foriras).

## KVINA SCENO

OKTAVO, poste KELNERO

OKTAVO. — Tra, tra, pum! pum! tra dera la la! — Kia stranga virineto! — (Vokante al la gastejo). He! hela! (Al kelnero kiu eliras el la gastejo). Alportu, sub ĉi tiun laŭbon, ian botelon da vino.

LA KELNERO. — Laŭ via deziro, ekscelenco. Ĉu vi deziras «la cryma Christi?»

OKTAVO. — Bone, bone. (Li skribas kelkajn vortojn per krajono). Iru serĉi en la ĉirkaŭaĵaj stratoj la sinjoran moŝton Ĉelio, kiu portas malhelan mantelon kaj jakon ankoraŭ pli malhelan. Vi diros al li ke unu el liaj amikoj tute sola trinkas «lacryma-Christi». Poste vi iros al la Granda Placo, kaj vi transdonos ĉi tion en mia nomo (Li donas al li folieton de sia skribtabuleto) al iu Rozalindo, kiu estas flavruĝhara, kaj kiu estas ĉiam apud sia fenestro.

## SESA SCENO

OKTAVO, poste KLAŬDIO, TIBIA

OKTAVO, sola. — Mi ne scias kion mi havas en la gorĝo, mi estas malgaja kiel dum tago post festo. Mi ankaŭ bone agos vespermanĝante ĉi tie. Ĉu mi emas dormi? Mi sentas min tute rigidigita. (Klaŭdio kaj Tibia eniras). Ha! kuzo Klaŭdio, vi estas bela juĝisto; kien vi iras tiel rapide?

KLAŬDIO. — Kion vi intencas diri per tio, Moŝto Oktavo?

OKTAVO. — Mi intencis diri, ke vi estas belforma urbestro.

KLAŬDIO. — Ĉu pro la lingvajo aŭ ĉu pro la fiziologia ecaro?

OKTAVO. — Pro la lingvaĵo, pro la lingvaĵo. Via vesto estas plena de elokventeco kaj viaj brakoj estas du ĉarmaj parentezoj.

KLAŬDIO. — Inter parentezoj, Moŝto Oktavo, ŝajnas ke la frapilo de mia pordo bruligis viajn fingrojn.

OKTAVO. — Kiamaniere, kuzo plena de scienco?

KLAŬDIO. — Volante frapi per ĝi, kuzo plena de ruzo.

OKTAVO. — Aldiru maltime, plena de respekto, Klaŭdio, por la frapilo de via pordo; sed vi povas freŝnove pentrigi ĝin, ne timante ke mi malpurigos per ĝi la fingrojn.

KLAŬDIO. — Kiel, kuzo plena de trivialaj ŝercaĵoj?

OKTAVO. — Neniam frapante, kuzo plena de pika ŝercemo.

KLAŬDIO. — Tio tamen okazis al vi, ĉar mia edzino ordonis al siaj servistoj fermi la pordon antaŭ via nazo je la unua okazo.

OKTAVO. — Viaj okulvitroj estas miopaj, juĝisto plena de gracio; por via komplimento vi eraras pri la adreso.

KLAŬDIO. — Miaj okulvitroj estas bonegaj, kuzo plena de rebataj respondoj. Ĉu vi ne faris al mia edzino aman deklaracion?

OKTAVO. — Je kia okazo, subtila magistrato?

KLAŬDIO. — Okaze de via amiko Ĉelio, komplezema kuriero; bedaŭrinde mi ĉion aŭdis.

OKTAVO. — Per kiu orelo, nekorupteblа senatano?

KLAŬDIO. — Per tiu de mia edzino, kiu ĉion rakontis al mi, kara amindumistaĉo.

OKTAVO. — Nepre certe, adorata edzo! Ĉu nenio restis en tiu ĉarma orelo?

KLAŬDIO. — Restis ia respondo, ĉarma trinkemulo, kiun mi estas komisiita fari al vi.

OKTAVO. — Mi ne estas komisiita ĝin aŭskulti, kara protokolo.

KLAŬDIO. — Estos do mia pordo mem, kiu ĝin faros al vi, aminda ludisto, se vi kuraĝos konsulti ĝin.

OKTAVO. — Tion mi tute ne deziras, kara mortverdikto; mi vivos feliĉe sen tio.

KLAŬDIO. — Ke vi povu tion fari trankvile, kara ludkomisiisto! Mi deziras al vi mil prosperaĵon. (Li foriras, sekvata de Tibia).

OKTAVO. — Trankviliĝu pri tio, kara mallibereja riglilo; kaj dormu trankvile kiel dum la juĝkunsido.

## SEPA SCENO.

### OKTAVO, LA KELNERO.

LA KELNERO. — Sinjoro, la flavruĝhara fraŭlino tute ne estas apud sia fenestro; ŝi ne povas veni al via rendevuo.

OKTAVO. — Ke la diablo ŝin forportu, kaj vin ankaŭ!

LA KELNERO. — Kaj la sinjoro kun la malhela mantelo ne estas en la ĉirkaŭaĵaj stratoj; sed mi renkontis lian lakeon al kiu mi diris ke li iru lin serĉi. (Li reeniras en la gastejon).

OKTAVO. — La pesto estu en la tuta universo! Ĉu estas decidite ke mi vespermanĝos sola hodiaŭ? Kion, diable, mi fariĝos **(La kelnero alportas botelon da vino kaj pokalon, li metas ilin sur la tablon kaj reeniras en la trinkejon.)** Bone! bone! ĉi tio konvenas al mi. **(Li eksidas kaj enverŝas por si).** Mi estas kapabla enprofundigi mian malĝojon en tiun vinon aŭ almenaŭ tiun vinon en mian malĝojon. Ha! ha! la diservo estas finita; jen Mariano, kiu revenas.

## OKA SCENO.

### OKTAVO, sidanta, MARIANO.

MARIANO. — Ĉu vi estas ankoraŭ ĉi tie, moŝto Oktavo, kaj jam ĉe la tablo. Estas iom malgaje sin ebriigi tute sola.

OKTAVO. — La tuta mondo min forlasis. Mi penas duoble vidi, por servi al mi mem kiel kunestanto.

MARIANO. — Ĉu vere? ĉu ne estas unu sola el viaj amikoj, kiu malpezigas al vi iun teruran ŝarĝon, la solecon?

OKTAVO. — Ĉu mi povas diri al vi mian penson? Mi invitis ian Rozalindon, kiu estas unu el miaj amikinoj; ŝi vespermanĝas en la urbo kiel nobelino.

MARIANO. — Estas malbona afero, sendube, kaj via koro devas senti pro ĝi teruran enuon.

OKTAVO. — Enuon, kiun mi ne povus esprimi, kaj kiun mi vane komunikas al ĉi tiu pokalo. La sonorilado de la diservo fendis la kranion al mi por la tuta posttagmezo.

MARIANO. — Diru al mi, kuzo, ĉu estas vino de po kvindek cendoj kiun vi trinkas?

OKTAVO. — Ne ridu pri ĝi: estas **lacryma-christi**, nek pli nek malpli, kaj bongusta.

MARIANO. — Tio mirigas min ke vi ne trinkas vinon de po kvindek cendoj; trinku ĝin, mi petegas vin.

OKTAVO. — Kial mi trinkus ĝin, mi petas.

MARIANO. — Gustumu ĝin; mi estas certa ke neniu diferenco estas kun tiu.

OKTAVO. — Dio gardu min pro tio! Ĉu vi mokas min?

MARIANO. — Ĉu vi opinias ke estas granda diferenco?

OKTAVO. — Tre certe.

MARIANO. — Mi kredis ke estas pri la vino kiel pri la virinoj. Kiel abomeninda estas do via koro, kies konduto estas diktata de viaj lipoj? Vi ne trinkus la vinon, kiun trinkas la popolo; vi amas la virinojn, kiujn ĝi amas. La spirito nobla kaj poeziema de tiu orumita botelo, tiuj mirindaj dukoj kiujn la lafo de la eVsuvo fermentis sub sia fajra suno kondukos vin al ia banala plezurŝajno; vi ruĝiĝus trinkante maldelikatan vinon, via gorĝo ribelus. Ha! viaj lipoj estas delikataj, sed via koro ebriiĝas facilege! Bonan vesperon, kuzo; ke Rozalindo venu konsoli viajn enuojn!

OKTAVO. — Du vortojn, se plaĉas al vi, bela Mariano, kaj mia respondo estos mallonga. Kiom da tempo, vi opinias, ke oni devas amindumi la botelon kiun vi vidas, por akiri de ĝi favoran akcepton. Ĝi estas, kiel vi diris, tutplena je ĉiela spirito, kaj la vino de la popolo similas tiom malmulte al ĝi kiel kamparano al sia Sinjoro. Tamen, rigardu kiel ĝi estas bona persono. Unu vorto sufiĉis por ĝin elirigi el la provizkelo: tute polva ankoraŭ, ĝi forlasis tiun lokon por doni al mi horkvaronon da forgeso, kaj morti! Ĝia krono, purpurigita per odoranta vakso, tuj polviĝis, kaj, mi ne povas kaŝi ĝin al vi, ĝi preskaŭ tute pasis sur miaj lipoj en la ardo de la unua kiso.

MARIANO. — Ĉu vi estas certa ke ĝi valoras pli? Kaj se vi estas unu el ĝiaj veraj amantoj, ĉu vi ne irus, se la recepto estus perdita, serĉi la lastan guton ĝis en la faŭko de la vulkano?

OKTAVO. — Ĝi valoras nek pli nek malpli. Dio ne kaŝis ĝian fonton en la supro de nealirebla montpinto, en la fundo de profunda

kaverno ; li pendigis ĝin en orumitaj beraroj sur niaj brilaj montetoj. Estas vere, ĝi malofta kaj multekosta estas, sed ĝi ne malpermesas, ke oni alproksimiĝas ĝin. Ĝi vidigas sin en la sunradioj, kaj tuta kortego de abeloj kaj de vespegoj zumadas ĉirkaŭ ĝi matene kaj vespere. La soifeganta vojaĝanto povas ripozi sub ĝiaj verdaj branĉetoj ; neniam ĝi lasis lin sopiri, neniam ĝi rifuzis al li la dolĉajn larmojn per kiuj lia koro estis plena. Ha, Mariano ! la beleco estas fatala doto ! La saĝeco, pri kiu ĝi fanfaronas estas fratino de la avareco, kaj estas kelkfoje pli da pardona kompato por ĝiaj malfortecoj ol por ĝia krueleco. Bonan vesperon, kuzino . Povu Ĉelio vin forgesi ! (Li eniras en la gastejon).

NAŬA SCENO.

KLAŬDIO, MARIANO.

KLAŬDIO. — Ĉu vi pensas ke mi estas ĉifonpupo, kaj ke mi estas sur la tero por timigi la birdojn ?

MARIANO. — De kie venas al vi tiu gracia ideo ?

KLAŬDIO. — Ĉu vi pensas ke homo de mia graveco nescias la valoron de la vortoj, kaj ke oni povas moktrompi lian trokredemon kiel tiun de stratdancisto ?

MARIANO. — Kontraŭ kiu vi koleras ĉi tiun vesperon ?

KLAŬDIO. — Ĉu vi pensas ke mi ne aŭdis viajn proprajn parolojn: «Se tiu viro aŭ lia amiko sin prezentas al mia pordo, ke oni «fermigu ĝin antaŭ li ! » Kaj ĉu vi kredas, ke mi opinias dece ke vi interparoladas senĝene kun li sub laŭbo ?

MARIANO. — Ĉu vi vidis min sub laŭbo ?

KLAŬDIO. — Jes, jes, per miaj propraj okuloj, sub la laŭbo de tiu trinkejo. La laŭbo de trinkejo tute ne estas parolejo por edzino de magistratano, kaj estas neutile, ke oni fermigu sian perdon kiam oni sin riskas sub libera ĉielo kun tiom malmulte da sindeteno.

MARIANO. — De kiam estas malpermesate al mi, ke mi parolu kun unu el viaj parencoj ?

KLAŬDIO. — Kiam unu el miaj parencoj estas unu el viaj amantoj, konvenas tion eviti.

MARIANO. — Oktavo, unu el miaj amantoj ! Ĉu vi perdas la saĝon ? Li dum sia vivo amindumis neniun.

KLAŬDIO. — Lia karaktero estas malvirta ; li estas diboĉulo.

MARIANO. — Kialo despli, ke li ne estas, kiel vi diris tre agrable, unu el miaj amantoj. Interparolado kun Oktavo sub laŭbo de trinkejo plaĉas al mi.

KLAŬDIO. — Ne instigu min al iu bedaŭrinda ekstremeco per viaj malsaĝaj strangaĵoj, kaj pripensu kion vi faras.

MARIANO. — Al kiu ekstremeco vi volas ke mi instigu vin ? Mi estas scivola pri tio kion vi farus.

KLAŬDIO. — Mi malpermesus al vi, ke vi renkontu lin kaj parolu al li iun vorton, nek en mia domo, nek en alia domo, nek sub libera ĉielo.

(Daŭrigota).

# Bibliografio

ITALAJ RAKONTOJ, de Edmondo de Amicis. Esperanten tradukitaj el itala teksto de D-ro P. C. Monti. Eldonita de A. Paolet, S. Vito al Tagliamento. (Italujo). 80 paĝoj: 12 x 16,5 cm. Prezo: Sv. Fr. 1.—. Jen bonega libreto por niaj junaj esperantistoj! Ĝi enhavas bonajn tradukojn eltiritajn el la famekonata verko « Cuore » de E. de Amicis, nome La eta patrioto de Padova, la malgranda viddeĵoranto lombarda, la skribisteto florenca, la sardinia tamburisteto, la flegisteto de «Tata», kaj Sango Romanja.

SVISA SPECIMENA FOIRO. 17-27 Majo. Basel 1924. Prospekto senpaga ; 8 paĝoj : 15 x 11 cm., ilustrita.

PENSEROJ, dua kajero, de Salo Grenkamp Kornfeld. Eldonejo : « Esperantista Voĉo», Jaslo, (Pollando). 1924. 48 paĝoj: 15.5 x 11 cm.

Kolekto de pensoj kaj citoj de diversnaciaj grandaj homoj. Traduko bonega.

VENKO. Verŝaĵo originale verkita de S-ro S. Frantz. Vendas Esperantista Centra Librejo. 51, rue de Clichy, Paris. Poŝtkarto : 9 x 14 cm. Prezo : ....

HIMNO PRI UNIVERSALA PACO. — Poemo de S. Frantz ; muziko de Vicent F. Bort. FIDELECO KAJ ESPER'. Himno. Poemo de S. Frantz ; muziko de F. De Ménil. Vendas Esperantista Centra Librejo, 51 rue de Clichy, Paris. 16 x 24,5 cm. Prezo : 1 Fr. por ĉiu muzikaĵo.

6a INTERNACIA FOIRO DE VIENO. — 9-15a de Marto 1924. Okpaĝa prospekto : 14 × 22 cm.

LITERATURA INFORMILO, eldonata de la Esperanto-Fako ĉe la eldonejo : Ferdinand Hirt & Sohn en Leipzig. Numero 1. Printempo 1924. 20 paĝoj 17 x 24 cm. Katalogo de la verkoj eldonitaj de tiu firmo.

ESPERANTO AND ITS CRITICS. - AN EXAMINATION OF SOME IDIST OBJECTIONS. 12 paĝa broŝuro angla de S-ro W. E. Collinson, Profesoro ĉe la Universitato en Liverpool. 14 × 21,5 cm. Prezo : nemontrita. Per trafaj argumentoj la aŭtoro kontraŭbatalas la detruan teorion de Ido. Tia broŝuro devus ekzisti en ĉiu lingvo nacia por informi, precipe la novvarbitajn Esperantistojn, pri la diversaj problemoj lingvaj, naskiĝintaj el Ido-afero.

SOLANDRO, de Waldemar Bonsels. Tradukis D-ro Edmund Sos. Tiu verko aperis en « NOVA BIBLIOTEKO ESPERANTO » : No. 2, eldonata de J. Glück kaj D-ro Sos Eldonejo : Verlag Paul Knepler (Wallishausser'sche Buchhandlung). Lichtensteg 1, Wien I. 48 paĝoj : 14 x 20 cm. Prezo : nomentrita. Tre interesa karakterstudo el la libro « Menschenwege » (Homaj vojoj) de la nuntempa germana aŭtoro W. Bonsels. Bona Esperanta traduko.

FABELOJ de Andersen. Plena Kolekto, tradukis D-ro L. L. Zamenhof. Unua parto. Eldonis la Esperantista Centra Librejo. 51, rue de Clichy, Paris, 156 paĝoj: 15 x 21 cm. Prezo: francaj Fr. 6.—. Tiu unua

kolekto de 18 fabeloj prezentas al la Esperantistaro novan modelaron pri la simpla kaj eleganta uzo de nia lingvo. La libron havigu al si ĉiu Esperantisto. Precipe ni konsilas ke ĉiu nova samideano legu ĝin. Ni gratulas la eldonintan Librejon kaj tutkore esperas, ke baldaŭ aperos la dua parto.

LA RABENO DE BAĤARAĤ, de Henri Heine. LA GIMNAZIO, de Ŝalom Alejhem. Tradukis D-ro L. L. Zamenhof, la unuan verkon el germana lingvo, la duan el la hebrea. Eldonis la Esperantista Centra Librejo. 51, Rue de Clichy, Paris 1924. 68 paĝoj : 15 x 21 cm. Prezo : fr. 4.—. Nova eldono.

DIE VERHALTNISWORTER DES ESPERANTO. Eugen Wüster. Eldonita de la Esperanto-Verslag Ellersiek & Borel G. m. b. H. Berlin kaj Dresden. 1924. 36 paĝoj : 15 x 22,5 cm. Prezo : Sv. Fr. 1,55. La amantoj de subtilaj gramatikaj studoj kun intereso legos ĉi tiun analizon de la prepozicioj en Esperanto.

GVIDLIBRO DE PECS, kunmetita de S-ro George Fejes, direktoro de Muzeo. Eldonis Esperanto Grupo de Pecs (Hungarujo). 1923. 40 paĝoj : 15,5 x 23 cm. Prezo nemontrita. Bele eldonita, multilustrita gvid libreto, kiun tre multaj pligrandaj urboj en la mondo povas envii.

6a INTERNACIA FOIRO DE SPECIMENOJ de Padova. 5-19 de Junio 1924. Okpaĝa ilustrita prospekto eldonita de la Foiroficejo (Esperanto-Fako). 14,5 x 21 cm.

ALBRECHT DURER. Vivo kaj verkado de la fama pentristo. De Hans Koch-München. Eldonita de la Sudgermana Esperanto-Eldonejo. Oskar Ziegler Diesenhofen bei München. 1924. 48 paĝa libro kun 28 bildoj. 14,5 x 22,5 cm. Prezo : G. Mk. 1,40 (1/3 shill.) — Lukse eldonita broŝuro kun biografio pri Albrecht Dürer. La reproduktaĵoj de 28 pentraĵoj kaj desegnaĵoj estas tre plaĉaj kaj akompanataj de mallongaj klarigaj notoj. Tiu kajero montras ankaŭ al la ne esperantistoj la praktikan uzadon de nia lingvo.

UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO EN LA JUGO DE LA ESPERANTISTOJ ; — Eldonita de Universala Esperanto-Asocio, 12, Boulevard du Théâtre, Genève. 1924. 64 paĝoj : 11,5 × 16,5 cm. Senpaga. Ĉiu serioza Esperantisto devas scii kio estas U. E. A. Pro tio li petu la jenan libreton rekte de la oficejo en Génève aŭ de F. Schoofs, delegito en Antverpeno, Kleine Hondstraat, 11.

OFICIALA JARLIBRO DE LA ESPERANTA MOVADO 1924. — 12a Jaro. — Eldonita de la Universala Esperanto-Asocio, 12, Boulevard du Théâtre, Genève. — 400 paĝoj : 11,5 × 16,5 cm. — Senpaga por la membroj de U. E. A. — Tiu jarlibro estas la «potencmetro» de nia movado. La plej interesa parto de la libro estas la listo de delegitoj en preskaŭ 1200 lokoj en la mondo. — La eldono estas plej zorge farita kaj ni ne povas preterlasi tiun okazon por gratuli la societon, kaj esperi ke baldaŭ tiun Jarlibron posedu ĉiu praktikema samideano.

**DEZIRAS KORESPONDI :**

**— S-ro Franz Withof, Wikratherstrasse, 207, Rheydt (Germanujo), 14 jara lernanto, poŝtmarkojn kaj poŝtkartojn.**

**— S-ro J. Trsek, komerca oficisto 19 jara, nadrazni 457, Turnov (Ĉehoslovakujo), kun belgaj samideanoj (plej volonte el Antverpeno kaj marbordaj urboj).**

**APERIS :**

**Nova eldono de Vortaro**

**GROSJEAN-MAUPIN FRANCA- ESPERANTA**

**! ! ! ! !**